

# LA VERDA LUPEO

24-a Jaro



11(90) INFORMILO DE ELF-AREK aŭgusto 1992

Offizielles Organ der ArGe ESPERANTO im BdPh e.V.





15 12 1859



17 04 1917

*Al la Laborista Esperantista*
*Grupo en Nurnbergo*
*Zamenhof*

**Per tiu unika bildo de la kreinto de Esperanto, d-ro L.L. Zamenhof, dediĉita al la Laborista Esperantista Grupo en Nürnberg, ankaŭ ni volas memorigi al la 75a datreveno de lia morto.**




## Pri nia prezidanto Ivar Paulsson.

Mi petas pardonon, sed ĉi-paĝe mi devas iom improvizi. Nia prezidanto, Ivar Paulsson, skribis, ke li, dum la UK en Vieno, ne plu volas kandidati kiel prezidanto. Tial mi sur tiu-ĉi paĝo skribis dankon al nia prezidanto pro la farita laboro dum pli ol du jardekoj. Tamen dum la ELF-AREK-kunsido, kadre de la UK 1992 en Vieno, Ivar Paulsson denove kandidatiĝis pro manko de alia kandidato. Unuanime elektita, li nun denove estas prezidanto por unu jaro. Paulsson nun petis , ke anoncu sin alia klubamiko, kiu pretas transpreni lian funkcion ek de la UK 1993 en Valencio. Kvankam Paulsson nun daŭrigas la laboron kiel prezidanto, la ELF-AREK-klubanoj dankas al li pro lia grandega laboro, dum lia pasinta prezidanteco.




La kongresejo de la UK 1992 en Vieno.

## RAPORTO PRI LA ELF-AREK-KUNVENO DUM LA 70-A UK EN VIENO (A)

Al la kunveno de ELF-AREK venis 47 gesamideanoj, inter ili jenaj 17 de niaj ge-klubanoj: I. Paulsson (S), R. Beau (D), L. Kosieniak (PL), R. Hirsch (D), A.Wester v.d. Veen (NL), A. Straif (A), St. Fekete (H), J. Torfs (B), I. Rev (H), Z. Suzuoki (J), St. Fischer (PL), M. Amadei (I), W. Dillis (B), J. Manninger (A), B. Babiak (PL), L. Jung-Kee (ROK), C. Dazzini (I). El la partoprenantaro 4 interesiĝis pri membreco en ELF-AREK.
Post la bonvenigo de la prezidanto Ivar Paulsson oni honorigis la lastatempe mortintajn du membrojn de ELF-AREK: A. Wenclewski (PL) kaj D. Goslinga (NL) per unuminuta silento. Sekvis la financa raporto. R. Beau asertis, ke la kasraporto aperos en la LVL 91.
Sekvis raportoj pri novaj poŝtaj stampoj, pri la katalogo, pri novaj glumarkoj kaj pri la "La Verda Lupeo". Kluba amiko Hirsch raportis pri novaj, raraj eltrovaĵoj, vd. ankaŭ en tiu LVL. Oni priparolis la aŭstran kongresstampon kaj laŭdis la bone funkciantan poŝtoficejon en la kongresejo.
Poste sekvis la elekto de la prezidanto (detalojn vd. supre).
Rumana filatelisto raportis pri la pasintjara poŝta kongresstampo okaze de la UK en Bergeno kaj Rumanio nun ankaŭ uzis poŝtan stampon okaze de la UK en Vieno. En ambaŭ kazoj ili ankaŭ eldonis specialajn dekor-kovertojn (ambaŭ haveblas ĉe la stampobanko).
Fine oni interŝanĝis E-filatelaĵojn kaj aliajn Esperantaĵojn.

(Grandparte laŭ la raporto de L. Kosieniak en la kongresa kuriero "Danuba Kuriero" no.: 5. Aldonaj partoj de R.Hirsch)

# NI PRI NI

Bonvenon al novaj membroj!

Jan Niemann, Edvard Munchsvej 9, DK-3000 HELSINGÖR

Li estas fervojista Esperantisto, la edzino estas ankaŭ Esperantistino. Li kolektas E-filatelaĵojn kaj i.a. ankaŭ ĉinajn poŝtmarkojn (li posedas grandegan ĉinan kolekton). Estimataj geamikoj Niemann: ricevu de mi korajn salutojn!

Tom Persing
Kompanigatan 29

S-681 52 Kristineham

Paul Megie
37, rue Alsace Lorraine

F-444 00 Reze

A N O N C O

Deziras aĉeti aŭ interŝanĝi: Poŝtan koverton kun stampo de la E-Kongreso Kunming 1985 kaj la IDO-stampon de 1923.

Gao Shen Xing, 50-9 Jiaxin, TJ-266031 QINGDAO, Ĉinio.

# NI EN EKSPOZICIOJ

Finna Nacia ekspozicio — Oro por s-ino Östermann!

Nia Terttu Österman plu aktivas kaj en la 1992-a ekspozicio de Finnlando ŝi partoprenis kun ŝia E-tema ekspozaĵo. Gratulon pro la ora medalo. Dankon pro la informoj! (La sta de la 4a UK 1908 en Dresden estas de la LKK, ne poŝta. Pri spesdekaj korespondmarkoj ni informos en iu venonta LVL.)







LUBRAPEX'92

En NIA BULTENO, Junio 1992, eldonita de la Portugala E-Asocio, sur paĝo 5, troveblas la noto, ke nia Piton gajnis en tiu portugala-brazila pm-ekspo la Premion de la Ministro por Edukado. La ekspo okazis la 9. - 17.7. 1992 en Lisbono/Portugalio. La Piton-a E-filatela ekspozaĵo titoliĝas; BABELO ESTU DETRUITA. Gratulon al vi!



LISBONO
rigardo al la
malnova urba
parto: ALFAMA




# Urkunde

Richard Hirsch

erhielt für die Sammlung

Esperanto in der Philatelie

anläßlich der Ausstellung im Rang II

— Vermail —

eine  Medaille


Vorsitzender der Jury — Ausstellungsleiter

## THÜBRIA' 92, Erfurt (D)

En la unua pm-ekspo en la novaj federaciaj landoj de Germanio, ekspoziciis sian eksponaĵon: E-en la filatelio, nia Richard Hirsch. Estis jam la 23-a fojo, ke li montris tiun eksponaĵon. Ankaŭ ĉi-foje li ricevis "nur" la vermajlan medalon. Tie denove montriĝis, ke al la juroroj ne eblas korekte prijuĝi kolektojn de Esperantaĵoj. Ekz. al ili tute ne estas konata la rareco de niaj E-stampoj, tutaĵoj, pm. k.a..

Se iu el vi ankaŭ faris la samajn spertojn, bv. skribi al mi.

R. Hirsch

## A T E N T I G O :

En preskaŭ ĉiu numero de nia LVL ni raportas pri ekspo-sukcesoj de nia klubaj amikoj. Tamen, ni kredas, ke ne ĉiuj el ili raportas al ni pri iliaj sukcesoj dum ekspozicioj. Ne hezitu, se vi ie, nacie aŭ internacie ekspozicias, tiam ĉiam informu nian redaktoron. Dankon!

## Esperanto en la Fila-gazetaro

G L O B A L  S T A M P S  N E W S

En sia decembra numero 1991 tiu gazeto publikigis artikolon en la rubriko: JUDAICA PHILATELY el la plumo de d-ro Murray Frost pri Zamenhofaj pm.

Informis: Cornelius J. McKown. Dankon!

48 Global Stamp News December, 1991

## *Judaica Philately*



**By Dr. Murray Frost**

Reference to this struggle between a universal culture and those of particularities minorities serves as a convenient bridge to the second focus of this month's column—the creative geniuses of December. One of these was Lazar Ludwik Zamenhof, who was born on December 15, 1859. Zamenhof saw prejudice all around him and felt differences in language were barriers to better understanding and peace. He developed a universal language—Esperanto—to overcome this. It gained some popularity after World War I and its advocates still meet regularly. These conferences have resulted in a number of stamps, several of which depict Zamenhof. Among the stamps picturing him are issues from Brazil (Scott #'s: 905 and C61), Bulgaria (974, 1092, 1235




and 3231), Cuba (2926), East Germany (2617), Hungary (C171), Poland (859, 2811), Russia (373-4), and Surinam (761). His likeness also has appeared on several cancellations (e.g. Switzerland in 1962, Poland in 1987, and Yugoslavia in 1988) and on a postal card issued by Russia in 1987.

# STAMPOJ



TJ 91-63

TJ 91-63: Porcelano en Haikou

1991. 10. 11 en Haikou. Teksto: PORCELANO kaj E-stelo sube. Stampo desegnita de Zhang Linrui (ZLR). Samtage aperis pm-serio samtema. Informis Ĉin Kajĝi (CKG). Originalo mankas ĉe la redaktoro.

TJ 05



TJ 03



TJ 04



TJ 92-03: Simia Jaro, Haikou

1992. 01. 25 en Haikou. Teksto: LA SIMIA JARO, bildo simia vizaĝo. Info de CKG. Originalo mankas ĉe la redaktoro.

TJ 92-04: Simia Jaro, Man'anshan

1992. 01. 25 en Ma'anshan Sambilda kiel 1992-03. Info de CKG. Originalo mankas ĉe la redaktoro.

TJ 1992-05: Simia Jaro, Weihui

1992. 01. 25 en Weihui. Teksto: LA SIMIA JARO, bildo: ideogramo. Desegnis: Zhang Yuanqing. Info de CKG. Originalo mankas ĉe la redaktoro.




TJ 06

TJ 1992-06: E-isto Fu Naowu, Nanchang

1992 03. 16. en Nanchang. Teksto: 60-JARIGO DE FORPASO DE FU NAOWU, 1903-1932, NANĈANG ĈINIO. Bildo: Portreto antaŭ flago. Desegnis: Zhou Xiaoying, Mao Hongzhen. Eldonis: Nanchang-a Fila-Kompanio. Aperis memora koverto. Info CKG. Originalo mankas ĉe la redaktoro.

TJ 1992-07 Kokosa Festo, Haikou

1992.04.03 en Haikou. Teksto: LA 1-A INTERNACIA KOKOSA FESTO EN HAINAN. Desegnis: ZLR. Info de CKG. Originalo mankas ĉe la redaktoro.

TJ 1992-08: Zamenhof, Ninghai

1992.04.14 en Ninghai. Teksto: LA 75-A DATREVENO DE LA FORPASO DE ZAMENHOF. Bildo: Portreto d-ro Zamenhof. Desegnis: Chen Minggang. Info de Gao Zhen Xing (Vd. anoncon de li!) Haveblis en poŝtoficejo. Dankon al vi!




TJ 1992-09: E-stelo, Changshu

1992.05.23 en Changshu. Teksto nur en la ĉina: LA 50 JAROJ DE LA PUBLIKIGO DE "PAROLADOJ ĈE LA LITERATURA-ARTA KUNSIDO EN JAN-AN" DE PREZIDANTO MAO ZEDONG. Bildo Radianta turo kaj sube E-stelo.

Desegnis: ZLR. Samtage aperis samtema pm. Ekzistas dekora koverto de Linrui farita. Info de CKG. Originalo ricevita de ZLR. Dankon al vi! (Ankaŭ pro koverto 80-jaroj EM en Changshu, nun ricevita!)



TJ-1992-10: UN-Konferenco, Haikou

1992. 06.05 en Haikou. Teksto: LA 20 JAROJ DE HOMARMEDIA KONFERENCO DE UN. Bildo: UN-simbolo. Desegnis: ZLR. Samtage aperis samtema pm. Info de CKG. Originalo mankas ĉe la redaktoro.

TJ 10




TJ 11




TJ 12




TJ-1992-11: Insektoj en Haikou

1992.06.28 en Haikou. Teksto: LA INSEKTOJ. Bildo: insekto. Desegnis: ZLR. Samtage aperis samtemaj pm. Info de CKG. Originalo mankas ĉe la redaktoro.

TJ 1992-12: 105 jaroj Esperanto, Changshu

1992.07.26 en Changshu. Teksto: LA 105 JAROJ DE LA NASKIGO DE ESPERANTO. Bildo: E-stelo. Desegnis: ZLR. Info de ZLR. Originalo mankas ĉe la redaktoro.







F 58 47-a Kongreso de SAT-Amikaro en Bordeaux

Pri ĝi ni informis jam pasintnumere. Aldone nia Amouroux informis, ke ĝi ms funkciis de 20-a de januaro ĝis 17-a de aprilo 1992. Ekzistas ankaŭ kun P.P. en la datstampo (vd. la bildon).

D 34: 44-a IFEF-Kongreso en Münster

Por la 44-a IFEF-Kongreso funkciis la 18an de majo 1992 en Münster (Germanio)memoriga poŝta E-stampo. Mendeblaj estis specialaj pk (GMK2,--) kaj specialaj kovertoj (GMK 2,50). Informis: Werner Heimlich. Dankon kaj koran saluton al vi!












E 34: 52-a Hispana E-Kongreso

Nia kluba amiko Emilio Folgado komunikis al mi, ke en la hispana urbo MERIDA (Badajoz) funkciis de 15.4. - 15.5. 1992 sms okaze de la 52-a Hispana E-Kongreso. Li klarigis, ke "EXCMO AYUNTAMIENTO DE MERIDA" notita en la stampo, signifas: Supera Magistrato de Merida. Dankon pro la informoj! La kongreson partoprenis nia Jankowski. Li ne vidis

ie tiun stampon. La LKK-prezidanto "kolektis" kovertojn kaj pk por transdoni al la poŝtejo por nuligi per la E-sta. Bedaŭrinde tio fiaskis. La al mi sendita kov ricevis la normalan nuligan ds de Merida de 2.5. kaj la al si mem sendita (Jankowski) saman fuŝstampon de 4.5..
Pli feliĉa estis nia Amouroux, kiun atingis vera E-sms de Merida kun la dato de 2.5.92.

Supozeble ekzistas div. memoraj kongresaj kovertoj kaj bildkartoj, sed ankoraŭ ne venis informoj pri tiuj. Dankon al ĉiuj pro la senditaj informoj! Cetere sur miaj kov kaj pk dorsflanke troviĝas la sms spegulskribe kaj eĉ kun pli grasa farbo ol sur la ĝusta flanko!




H 122

H 122: Zamenhof sta el Budapest

Budapest 8. 1992.04.14 75-a datreveno de la Morto de Zamenhof.. halálának 75. évfordulója. tiel tekstas hungarlingve tiu stampo kun Zamenhofa portreto . Dankon al nia fidela Fekete pro la senditaj informoj! Li informis, ke nun disfalas aŭ malkreskas en Hungario kaj la E-movado kaj la -Filatela movado. Korajn salutojn al vi!




H 123

H-123: Hungara fervojista E-Kongreso

LANDA FERVOJISTA ESPERANTO RENKONTIĜO, 1992 Julius 4, SATORAL-JAUJHELY (La longa nomo estas la nomo de la hungara urbeto). En la stampo blazono de la urbo kaj fortikaĵa turo. Sendis la stampon sur bela sammotiva tutaj-pk nia amiko Stefan Fekete. Koran dankon kaj koran saluton al vi!

EŬROPA PENSADO... ESPERANTO PAROLADO !!.

PENSER EUROPEEN : PARLER ESPERANTO.!
PENSARE EUROPEO : PARLARE ESPERANTO.!
ESPERANTO SPRECHEN : EUROPÄISCH DENKEN.!
THINKING EUROPEAN : SPEAKING ESPERANTO.!
PENSAMIENTO EUROPEO : HABLANDO ESPERANDO.!

VERONA C.P.
VERONA '92
7-6-1992
EŬROPA ESPERANTO KONGRESO
CONGRESSO EUROPEO DI ESPERANTO

DIALEKTO: por regiona kulturo/NACIA LINGVO: por interpopola kulturo/INTERNACIA LINGVO ESPERANTO: klera interkompreno tutmonde/

Afranku sufiĉe kaj filatele
Affrancate sufficiente e filatelico

ESPERANTUJO
1 STELO

CAGLI
VERONA
ITALIA 600

I 48

I 48: Eŭropa Esperanto Kongreso 1992 en Verona

Niaj geamikoj Elda Dörfler kaj Germano Gimelli sendis el tiu kongreso salutkartojn kun la nova itala E-stampo. La kongreso okazis en Verona kaj la stampo havas la daton: 7.6.1992. La desegnaĵo en ĝi ankaŭ aperas sur E-glumarko. Dankon al ambaŭ! Bv. foje korektu mian adreson en via adresaro! La poŝtistoj jam grumblis.




IPA 20: 13-a Mondkongreso de IPA en Wellington (Novzelando)

Nia Amouroux sendis kopion pri tiu sta kun la dato: 28 Nov 1991 el Wellington (NZ). Vidu la bildon. La slogano: SERVO PER AMIKECO estas sur la originalo bone videbla, en kopio certe ne.




IDO-stampo de la 3-a Internacia Kongreso de IDO en Nürnberg (D)

En tiu ĉi numero de LVL ni prezentas kopion pri pk kun tiu stampo. Fakte ĝi estas la dua al mi konata stampo, kiu estis ofertita en pm-aŭkcio en Germanio. Pluraj el niaj geamikoj demandis min, kie eblas akiri ĝin? Mi jam dum tridek jaroj ĝin vane serĉas. Cetere mi volus atentigi pri artikolo sub "Recenzoj" el la plumo de Detlev Blanke pri fundamenta verko pri planlingvoj en la revuo "esperanto", aprilo 1992. Nepre leginda por ĉiu el niaj E-filatelistoj. Pli bone estus akiri tiun libron por studi ĝin. Havebla en la Libroservo de UEA.

Aldona rimarko de Hirsch: Jus mi akiris de ne-Esperantisto pk kun la IDO-stampo je tre favora prezo. La normala aŭkcia prezo nuntempe estas GMK 80,-- ĝis 90,-- (49 ĝis 55 IRK).


TRIA UNIVERSALA ESPERANTA KONGRESO


IV. INTERNACIA
ESPERANTISTA
KONGRESO
DRESDEN
16.-22. AVG.
1908


Va INTERNACIA
ESPERANTISTA
KONGRESO
BARCELONO.


5a Internacia
Esperantista Kongreso
Barcelono


6a INTERNACIA
KONGRESO DE
ESPERANTO
WASHINGTON
AŬGUSTO, 1910


7a INTERNACIA KONGRESO DE ESPERANTO
ANTVERPENO


VIII KONGRESO
ESPERANTISTA
KRAKOVO · 1912.


IX. UNIVERSALA
KONGRESO DE ESPERANTO


ESPERANTO-1914
PARIS


10a ESPERANTA KONGRESO
EVK
MONTMARTRE
1914


Xa UNIVERSALA KONGRESO
DE ESPERANTO
F.C.O.
10
Aŭgusto
1914
U.E.A.
10
Aŭgusto
1914
POSTKONGRESA EKSKURSO
AL LA KASTELOJ DE LOIRE


XIII. UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO.
PRAHA — 1921.


ESPERANTISTA POSTKONGRESO
BUDAPEST · 1921 · 9-10 AŬGUSTO


XIV:A
UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO
EN HELSINKI-HELSINGFORS. FINNLANDO
6—12 AŬGUSTO 1922


XVI.
UNIV.
KON-
GRESO
de
ESPER-
ANTO
WIEN
1924


Internacia Postkongreso Esperantista
ESPERANTO
Bialystok 7—8. VIII. 1927.


20a UNIVERSALA
KONGRESO
DE ESPERANTO
ANTVERPENO
1928


XXI UNIVERSALA KONGRESO DE
ESPERANTO · BUDAPEST
2-9 AUG 1929


22a UNIVERSALA KONGRESO
DE ESPERANTO
AUGUSTO
OXFORD 1930


KRAKÓW
1a-8a
AŬGUSTO
-1931-
XXIII UNI
VERSALA
KONGRE
SO DE ES
PERANTO


ESPERANTO
POSTKONGRESO
BUDAPEST
9-11. AUGUSTO 1931













XXVIII-UNIVERSALA KONGRESO
DE ESPERANTO EN WIEN 1936



















Glumarkoj de UEA-Kongresoj

Sur tiuj 2 paĝoj ni montras al vi la glumarkojn de la UK'oj de 1906 ĝis 1940. Ne ĉiujn ni povis montri, ĉar unu aŭ alia mankas.

Ne aperis kongresaj glm por jenaj UEA-Kongresoj:
1-a, 15-a, 17-a, 18-a, 19-a, 35-a, 36-a, 38-a.
Tio koncernas la glm ĝis 1970, 55-a UK en Vieno. Por pluraj kongresoj aperis glm-oj kelkfoje en multaj variaĵoj. Detalan superrigardon vi trovas en nia ELF-AREK'a glumark-katalogo, kiu notis ĉiujn glumarkojn, kiuj estis konataj al ni, ĝis 1992.

Nia klubamiko R. Hirsch intencas eldoni la duan parton de la Jensen-glumark-katalogo dum aŭtuno 1992. Bv. jam nun sendu al li vian mendon. Ni bezonas tion por fiksi la eldonkvanton. Tute ne eblas, ke ni pretigos 100 ekzemplerojn por poste vendi 15 aŭ 20 pecojn.




SU 1

Nia Terttu Österman sendis kopion de tiu Leningrada stampo. Surprizis min la dato en ĝi: 17.8.26!! Mi ne scias, ĉu tiu stampo estas poŝte sendita, aŭ ĉu temas pri stampo sur eltondaĵo? Kara sinjorino: ĉu apud tiu E-stampo troviĝas ankaŭ normalaj datstampoj? Dankon pro via sciigo!

Speciala danko al Cinio

Apartan dankon pro informado pri novaj ĉinaj stampoj meritas nia Cin Kajĝi. Sed ankaŭ Zhang Linrui, kiu ofte sendas informojn kaj originalojn al CKG por la redaktoro.

## R - slipoj

R-slipo München 1948

Nia R. Hirsch vidis en germana pm-aŭkcio denove tiun R-slipon, sed kun la numero: 070 sur registrita koverto. Dankon al vi pro la sciigo!
Sube mi montras la originan eltranĉaĵon el la koncerna aŭkcia katalogo:




| | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|
| S 2390 | 1948; Esperanto-So-o "München 2"; MiF a. R-Bf., So-R-Zettel "München 2/Esperanto-Kongress" n. Dirlewang; EXTREM SELTEN | Bf | Gem. div. | 300.00 |

Ankoraŭ aliaj ofertoj pri R-slipoj de UK'oj
Ciuj ofertoj en GMK. 1 IRK = GMK 1,65.

La unua oferto de la Munkena R-slipo 001

| | | | | |
|---|---|---|---|---|
| S 3973 | 1948,16.5.; So-o z. Deut. Esperanto-Kongress München; MiF a. R-Bf. m. So-R-Zettel "München/Esperanto-Kongress"; R-Zettel-Nr. "1"; DER ABSOLUT ERSTE EINSCHREIBBRIEF VON DIESEN KONGRESS | Bf | Gem. 941/2 | 500.00 |

13-a UK 1921 en Prago

| | | | | |
|---|---|---|---|---|
| S 3966 | 1921,2.8.; So-o Prag z. 13. Esperanto-Kongress; MiF a. R-Bf m. entspr So-R-Zettel "Praha/XIII. Unis. Kongreso/de Esperanto" n. Deutschl.; EXTREM SELTEN | Bf | Tschech. div | 800.00 |

26-a UK 1934 en Stokholmo

| | | | | |
|---|---|---|---|---|
| S 2387 | 1934,11.8.; 15 Ö. GSK m. ZuF als R-Lp.-Kte.; So-o "Stockholm/26.../Kongreso/de Esperanto" u. entspr. So-R-Zettel n. England; SEHR SELTEN | Bf | Schwed. div. | 600.00 |

REKO - etikedo en Cinio

Nia amiko Gao Then Xing el Cingdao nur tre malofte skribas, sed ĉi-foje kun preskaŭ sensacia sciigo : "...Mi posedas ne-kopieblan E-koverton, kiun mi antaŭ multaj jaroj ricevis de "E-Koresponda Lernejo", mi tie lernis la lingvon. Sur la koverto estas surpresita: REGISTRITA EN POSTOFICEJO DE DONGSHAN HUAINAN. Mi posedas la numeron: R-Nr.:001. Apud la rektangula R-slipo estas alpresita: KOVERTO AFRANKOTA DE LA EKSPEDANTO. Eblis sendi tiun koverton ne afrankite sub sankcio (permeso) de la poŝtoficejo.
Estimata: vi posedas tre valoran filatelaĵon. Bonvolu iel fari kopion kaj: koran dankon pro tiu sciigo! Sciigo al vi: IDO-sta 1923 tute ne estas havebla.

## TUTAĴOJ

Konatiĝis novaj malnovaj — Nia Hirsch elfosis tiujn raraĵojn.

Belgio 1888: Privata pk-tutaĵo kun nominalo de 5 centimoj. Surpresita la emblemo de VOLAPÜK kun la slogano: Menad Bal Pük Bal



(unu homaro, unu lingvo). Poŝte sendita de Antverpeno al Haarlem. Jen vera mielo en nia filatela ĉielo. Ofertita en germana pm-aŭkcio 1992. Aŭkcia prezo: GMK 120,-- = 73 IRK.




Hungario 1920: Privata bildpoŝtkarta tutaĵo kun nominalo de 10 filleroj. Dorsflanke foto de ekskurso. PM-flanke surpreso: Esperanto Ekskurso en Leiden de la XII. hagaj kongresanoj 13. aug. Eldonita de Alex Laquer en Budapest.




Berlin 1949: Privata pk-tutaĵo kun nominalo de 10 fenigoj. Posedas kontraŭkapitalisman tekston en la germana, IDO kaj Esperanto. Tre interesa filatela dokumento, ĉar la pm posedas oblikvan surpreson BERLIN. Fakte Berlin havis propran poŝtan aŭtonomion ĝis la jaro 1990 (Okcidenta Berlino).

Oferto de serio de Dancigaj Tutaĵoj

| | | | | |
|---|---|---|---|---|
| 3970 | 1927; Bild-GSK-Serie "XIX./Universala Kongreso/de Esperanto /.." m.' 11 versch. Bildern ungebr. kompl.; SEHR SELTEN | Bf | P 40I(11) | 1000.00 |

# Numismatiko

E-a banka monkvitanco

Nia Hans Jankowski ja estas nia (ĉu unusola?) kolektanto de E-aj numismatikaĵoj . En majo li sendis leteron al mi kun i.a. jena interesa sciigo: "...Komence de majo 1992 mi uzis la monŝanĝaŭtomaton sur la aerodromo de Lisbono. Tiu aŭtomato informas per 10 lingvoj. La butono "6" estis por ESPERANTO. Mi ĝin premis kaj

BANCO TOTTA & ACORES
AEROPORTO 1281

Trans.: 006516 Dato: 05-05-92 Horo: 20:14

| | | |
|---|---|---|
| Akceptita bileto: | | 1.000,00 ESP |
| Kurzo: | 1,33 | |
| Kontrauvaloro: | | 1.320,00 PTE |
| Elspezita sumo: | | 1.320,00 PTE |

*** Dankon pro via vizito ***

sur la ekrano aperis: BONVOLU ENMETI BANKNOTON DE 1000 KAJ PREMI LA BUTONON DE LANDO...mi enmetis banknoton de 1000 pesetoj kaj la ekrano reagis per: VI ENMETIS 1000 PESETAS KAJ RICEVAS 1320 ESCUDAS: La aŭtomato donis al mi la monon kaj la kvitancon, tiu ankaŭ en Esperanto... Cu vi konas aliajn aerodromojn, kiuj disponas pri bankaŭtomatoj kun E-a traduko?
Dankon al nia Jankowski pro la interesa informo.

# GLUMARKOJ

Internacia Helpa Mono

Al nia artikoleto pri tiuj glm tuj reagis nia Amouroux kaj sendis kopion pri ĉi-rilata temo el "Germana Esperantisto" de 20-an de marto 1913, paĝ 45, el la plumo de P. Tarnow (tre aktiva germana Esperantisto, i.a. eldonanto de la gazeto: E-Kolektanto"). Inter alie li skribis: "...Prof. Bord el Dijon kaj d-ro Tellini el Bologna kreis 1907 Internacian Helpan Monon por plifaciligi la transsendon de malgrandaj sumoj inter la Esperantistoj. Ili vendis markojn de 2 sd (5 cent), kiujn ili poste reprenis je sama valoro. Tiuj markoj ekzistis en 7 koloroj. Bedaŭrinde la eldono devis baldaŭ ĉesi, ĉar ĝi estis kontraŭleĝa. (La eldono de mono estas rajto, ekskluzive rezervita al la ŝtatoj) Do, oni donis la markojn al UEA, kiu surstampis la literojn U.E.A. kaj uzis ilin kiel sigelmarkojn..."

Spesmilaj glumarkoj

En siaj klarigoj P. Tarnow en "Germana Esperantisto" pritraktis ankaŭ tiujn glm-ojn (vd. LVL 83, p. 14) kaj li skribis: "...Tute similan sorton havis la markoj , kiujn en la unua tempo de sia ekzistado eldonis la Cekbanko Esperantista. Ekzistis de ili la jenaj valoroj (formato:22 x 18,5 mm): 5 sm (flava), 3 sm (bruna), 2 sm (blua), 1 sm (ruĝa), 500, 400, 300, 200, 100, 75, 50, 25 s (ĉiuj verdaj). La Banko intencis vendi ilin al la kontuloj..."

Tarnow skribis ankaŭ pri "kotizaĵmarkoj" de GLEA (30 fenigoj), de GEA (10 fenigoj), de IKUE (2 fenigoj), centimoj, kopekoj, haleroj ktp.) kaj pri propagandaj markoj de la firmao Pranters Verlag en Graz (2, 3, 5, 10 haleroj). Ĉiuj nomitaj markoj aperis 1912 aŭ pli frue.

Koran dankon al nia Amouroux pro la alsendo de tiu interesa artikolo.

Glumarkoj de SAT-Kongresoj

La listo, prezentita en LVL 89, notas ĉiujn glm pri SAT-kongresoj escepte de la variaĵoj. Ankaŭ post 1970 ĉiujare aperis kongresaj glumarkoj pri la SAT-kongresoj. Se vin interesas ankaŭ la variaĵoj, tiam necesus akiri nian glumarkkatalogon (de Hirsch). Tie vi trovas detalajn informojn. Sinceran dankon mi direktas al niaj Mia Maatman kaj Nelly Vollegraf en Nederlando. Ili sendis kopiojn pri la glm de la 17-a SAT-kongreso en Rotterdam. Ili estas feliĉaj posedantoj de po unu glm de tiu kgr.

N O V A J  G L U M A R K O J

77-a UK, Vieno, 25.7. -1.8.1992, mg. ni bla, monumento. En malgranda kvanto produktita de nia klubamiko Hirsch, ĉar ne ekzistis oficiala glumarko de la kongreso.

Eŭropa E-Kongreso, 5.- 10.6.1992 en Verona (I), emblemo kun stelo.

75-a datreveno de morto de Zamenhof, gum. ni bla, du diversaj kun portretoj (H?)

UK Valencia 1993, mg ni ora, teksto COMPRENSION Y AMISTAD INTERNACION (E?)

45-a IFEF-kongreso, 6. - 12.6.1993 en Cervia (I), mg multkolora kun diversaj desegnaĵoj.

Por ĉiuj glm ni ankoraŭ atendas detalajn informojn al la redaktoro.

Bildoj de la glumarkoj aperos en la venonta LVL.

Informilo de EFL-AREK (Esperanto-Ligo Filatelista Amika Rondo de Esperantaĵ-Kolektantoj
*Offizielles Organ der ArGe ESPERANTO im BdPh e.V.*
Redakcio ĉe: Rudolf Burmeister, Max-Müller-Str.62
D-O-9051 Chemnitz
Prezidanto: Ivar Paulsson, Skytteholmsvägen 29
S-17144 Solna
Kasisto: Rolf Beau, Jacobstr. 9,
D-O-7010 Leipzig
Poŝtgirokonto:
Poŝtĝiro-Oficejo: Nürnberg, (bankkodo(BLZ)76010085)
Konto-No: 3667 37-855 (adreso de Beau)
Kotizo por 1992: DM 21,-- /13 IRK/13 US$
Stampobanko: Werner Heimlich, Fröbelstr. 4
D-W-3040 Soltau
Kompostis: Richard Hirsch, Lambertstr. 12,
D-W-6430 Bad Hersfeld
Presasdo: Albert Oesterle, Hubertusstr. 28,
D-W-8853 Wemding

*Lastminute...*

78-a UNIVERSALA KONGRESO
DE ESPERANTO



VALENCIO 24-31 JULIO 1993